10a JARO No. 95. ★ APRILO 1913.

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtanto.
(JOH., X, 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO, OFICIALA ORGANO de I. K. U. E.

## APOLOGIO.

### Nesuspekta Atesto.

Montru al mi hodiaŭ ja iomete instruitan homon, kiu ne konas HAECKEL.[1]) HAECKEL, la persista Darvinisto, la konsekvenca fondinto de „la Monismo", la nuliganto kaj forekzilanto de Dio-Kreinto. HAECKEL, la Pontifiko de la „mi"-dieco, de la ĉio-dieco, de la besto-homeco, de la materi-ĉioeco.[2])

Tian ateismaĵon tiu HAECKEL nun jam dum duona jar-

[1]) HAECKEL eniris sian 80-an vivjaron en la monato Februaro. La Februara numero de *Das monistische Jahrhundert* (La Monista Jarcento) estas do komprenebIe plenigita je *Haeckelolatrio*, t. e. HAECKEL-adorado de W. OSTWALD, prezidanto de la Monisto Asocio, de A. FOREL, de MAX VERWORN kaj — ne forgesu! — de W. BÖLSCHE.

[2]) Kiu opinias, ke ni deklaras per supredirata Ernst HAECKEL la *elpensinton* de ĉio, kio da centjaralta materialismo, ateismo, panteismo kaj tiaj plu en la Monismo estas kolektita — tiu komprenebIe nepre eraras. Sed, kvankam li ne estas la elpensinto, tamen ekzistas sufiĉe da motivoj por nomi HAECKEL, de post la aŭtuno 1904, la fondinton de la hodiaŭa Monismo. (Vidu Das mon. Jahrh. p. 745.)

cento dissciigas — kaj, ho ve, ne sen sukceso. Ĉar tutan tiun tempon li paroladis kaj skribadis por disporti sian doktrinon *inter la popolo*, por ĝin popularigi kaj vulgarigi.

Tial nu, ke Ernst HAECKEL unue posedas ne ordinaran aferkonon pri multe da naturscienccaj detaloj — tion neniu povas nei pri li, nek same pri DARWIN, — kaj tial, ke li due krom tio posedas grandan esprimfacilecon kaj ne egalitan maltimon, pro tio li kaj liaj adeptoj sukcesis varbi al siaj ideoj centojn, milojn, milionojn inter la ne-memstaraj scienculoj.

HAECKEL ĉiam kaj ĉie, *rigardante al la popolo*, faris sian multesciecon murrompilo por frakasi, neneigi religion kaj kredon. Kaj ankaŭ en tio liaj partianoj kunhelpis treege.

Kaj estu, ke efektive kontraŭstaris tiun sciencfalsiston kaj religidetruiston tiel multaj, kiuj memstare povas priĵuĝi la aferojn, kiujn HAECKEL diras esti pruvinta en libroj kaj broŝuroj: li, HAECKEL, kaj liaj disciploj priatentas tion malmulte, kaj ili malgraŭ tio daŭrigas, kvazaŭ nenio okazis.

Kaj efektive, ni devas konfesi, ke ofte tiuj HAECKEL-refutantoj ne parvenas ĝis la rondojn de la societo, kiujn HAECKEL sukcesis varbi al si. Tiuj refutoj kelkafoje estas tre solidaj, sed pro tio precize tro pezaj, tro altaj kaj tro profundaj por la popolo, unuvorte tro malmulte sugestiaj por la per HAECKEL-aj vortoj allogita amaso. HAECKEL estas tiel kuntrenanta .... kaj tiuj kiuj lin kontraŭagadas estas ofte tiel mallogaj .... por la ordinara homo.

Se vi volas, en liaj sektanoj, trafi HAECKEL, HAECKEL ataki, al HAECKEL redoni liajn verajn proporciojn, tiam tiuj maŝinaj kunmarŝantoj devas vin kompreni tiel, kiel ili HAECKEL komprenas. Tial estu mallonge, vigle, metaforplene, bontrafe kaj verece: kaj, se eble, estu krom tio ... *ne klerikale!* — Tio ĉi lasta estas, kvankam ĝi sonoras iom strange, en nia hodiaŭa societo, por la plimulto, por ne diri: por ĉiuj, ankaŭ por cetere ne-malkreduloj, la granda, la plej granda, la preskaŭ sola rekomendo por ke, sur tiu ĉi kampo, oni akiru kredon! Tio ja estas honto, sed tiel estas!

Nu, unu, kiu posedas grandmezure tiun ĉi rekomendon,

Profesoro D-ro POTONIÉ el Berlino, donas en la *Naturwissenschaftliche Wochenschrift* (No. 3, kol. 40), kies redaktoro li estas, artikolon pri la „vulgarigado”. La *Beilage zur Germania* de 11 Febr. 1913 sciigas al ni la opinion, kiun Prof. POTONIÉ tie konigas pri HAECKEL kaj lia „vulgarigado”. [3])

„HAECKEL — tiel li tiuloke parolas — havas grandan lertecon por nomi natursciencajn ideojn per konvenaj sciencaj vortoj, t. e. li kreas tipajn *terminojn*. Li apartenas al la klaso de tiuj, kiuj kuntreniĝas per subitaj inspiroj kaj lumpunktoj (pli bone dirite: momentaj „ekpensaĵoj”) kaj kiuj ankaŭ volas tiujn ĉi tuj publikigi. Tiel kreiĝas ja literatura verkaĵo, malpeza kaj gracitalia, unu tuto kiel artaĵo, sed ankaŭ, kiel tiu ĉi lasta, memkreska, sen kunligiteco kun ĉio, kio staras ĉirkaŭe, el la tero elkreskiĝinta. En la arto nu tio tute bone tiel povas okazi: tie regas *la fantazio*. Sed en la scienco? Tie ĉi regas *la faktoj* sole! Kaj se vi ni sufiĉe kunkalkuligas la lumon, kiun al ni havigas *la faktoj*, tiam haviĝas verkaĵo, kiu tre similas al burĝono, kiu elkreskiĝis en la mallumo, sed kiu ne povas sin teni staranta kaj baldaŭ devas subfleksiĝi. Por kvieta pripensado kaj scienca konsiderado ne estas tempo. Tial la ankoraŭ ekzistantaj mankoj estas plenŝtopitaj anstataŭ per naturŝtono, kiu donas certecon pri daŭra firmeco, per la unuetrovita, senvalora, vermotroita peco de ligno. Tiel haviĝas certe konstruaĵo, kiun vi povas aspekti je distanco, sed kiu ne estas taŭge uzebla. Ho jes! ia uzebleco de tia nepre kompletigita verkaĵo ne estas neigebla: ĉar ĝi formas la ĝeneralan bazon por pluaj esploroj, kiuj tiam baldaŭ havigos ion pli bonan. Sed por la *nememesploranta* laiko ili certe ne estas uzeblaj — kaj tamen por la tiaj liaj verkoj estas skribitaj.”

Tiel nu juĝas Prof. POTONIÉ pri la vulgariga laboro de

[3]) Estu, ke Prof. D-ro POTONIÉ ne havas la mondfamon — certe ne por niaj legantoj — de iu HAECKEL aŭ iu BÖLSCHE, tamen la opinio de tia redaktoro de en Berlino aperanta scienca gazeto ne estas sen forto, konsiderante, ke Prof. D-ro POTONIÉ cetere tute ne estas kontraŭulo de tre multe da monistaj doktrineroj.

HAECKEL! De malproksime vi trovu ĝin tre beleta, sed vi ne supreniru en lia konstruaĵo, konstruita el „ekpensaĵoj", ĉar — tiam okazos malfeliĉaĵoj! Solida la afero ne estas! Ĉio estas malpeza kaj ŝtopita: *ŝtonon* de faktomaterialo oni ja tro malmulte uzis, sed multe da vermotroita ligno de fantazio kaj „ekpensaĵoj"!

Tia prijuĝo provizore sufiĉu por HAECKEL, precipe, ĉar ĝi venas de el tiu flanko! Tiu do tiuĉifoje ne estas „kontraŭkulturulo", nek „antaŭjuĝulo", nek „per dogmo katenigito", sed Prof. POTONIÉ, kiu tion elparolas! Ĉu ankoraŭ nun multaj ne akceptos tion?

En tiu okazo tiuj ĉi prisilentadu, pro timo, ke Prof. POTONIÉ ĝin aŭdu. Ĉar tiam tiu ĉi sincere parolanta Profesoro opinius ankaŭ dirita pri ili tion, kion li ankoraŭ klarigas en la daŭrigo de sia artikolo.

Kiu estas la kaŭzo, li demandas al si, ke la verkaĵoj de HAECKEL, tiu ĉi kungluitaĵo de tre malmulte da starigitaj faktoj kaj de tre multe da kava fantasio, tiel avide estas englutitaj kaj ... kreditaj? La kaŭzo de tio estas laŭ li nur, ke, ĉiu por si mem, la hodiaŭa mezgrada naturesploristo estas nepra fremdulo sur filozofia kampo. La mezgrada naturesploristo („Durchschnittsnaturforscher") jam de post longe ne plu scias senti, ĉu argumentado estas logike konstruita kaj valoras, ĉu ne. HAECKEL kontroli, la argumentojn de HAECKEL elprovi, kiu inter ili faras, jes povas ankoraŭ fari tion?

Kaj en tio kuŝas la forto de HAECKEL! Li, HAECKEL, kuraĝas kaj povas ĉion antaŭmeti kiel bonan manĝaĵon; sed la spirita gustumpovo de tiuj, kiuj ĉe li gastiĝas, estas tiel malfortigita, tiel degenerita, ke ĉio estas elmanĝita kiel frandaĵo, kiam nur HAECKEL ĝin preparis kaj surŝprucigis je sia pikanta saŭco!

*Kredi* pro aŭtoritato
tio ne plu estas permesata hodiaŭadie;
Sed ho ve!
Ŝajnas ke *ne-kredi pro aŭtoritato*
nuntempe ekfariĝas kutimo ĉe kelkaj.
Ĉu pli bone? — mi demandu. (*De Genestet.*)

Kontraŭ tiu manio de englutado de ĉio, kion HAECKEL kaj konsortoj antaŭmetas, sin oponas laŭte Prof. POTONIÉ, kaj ja pro la samaj motivoj, kiuj de nia flanko jam tiel longe kaj klare estas aŭdigitaj. Tiu ĉi nesupekta atesto de tia homo multajn pripensigu!

* * *

Sed — ĉar ĉio havas sian „sed", ĉu ne — tiu Prof. D-ro POTONIÉ estas nur unuulo, unu sola persono! Pro kio doni tiom da valoro al tiu ĉi juĝo de tiu unuulo?

Jesja! Sed kiam unuulo estas rekonita kompetentulo, kaj pruvas per dokumentoj sian juĝon, li estas kredinda. Do tio ĉi en si mem pruvas nenion kontraŭ tiu ĉi nesuspekta atesto, ankaŭ kiam ĝi estas de unuulo.

Cetere mi ankoraŭ povas alkonduki alian nesuspekton ateston; kaj nun ne de unuulo, sed de *ia tuta korporacio*, de nenio pli malmulte ol de la Universitato de Berlino! Antaŭ nelonge oni festis tie la „universitatan jubileon", kaj oni invitis de proksime kaj de malproksime al festado la pionirojn de la scienco. La grandmajstro de Jena, Prof. D-ro Ernst HAECKEL ne ricevis inviton por tiu jubileo!!! Tiam HAECKEL kaj tuta la Monista Asocio furioziĝis... sed la famega HAECKEL povis resti hejme! *La Universitato de Berlino* ne kalkulas lin inter la veraj granduloj, kiuj meritas inviton!

Vi akceptu almenaŭ tion ĉi kiel nesuspektan ateston.

Oudenbosch, Maart 1913. H. BOLSIUS S.J.

(Tradukis el „*De Maasbode*", D-ro SMULDERS.)

## Prediko je honoro de la Sankta Maria Virgulino dum la „Oka" en Krakavo.

(Eldirita dum soleno de la Asumpcio de Sankta Maria.)

*„Jen, la Servantino de la Sinjoro; al mi okazu laŭ parolo Via."* (*Vortoj cititaj el la Sankta Skribo.*)

Honorindaj kaj karaj gefratoj en Jezu Kristo!

Kvankam ĉiu festo, ĉiu soleno festata de la Katolika Eklezio aŭ je honoro de Dio, aŭ je honoro de Sankta Maria Virgulino, aŭ je honoro de iu ajn Sanktulo estas tre agrabla, tre ĝojiga por ĉiu disciplo de nia Dia Savinto Jezu-Kristo, tamen ni devas konfesi kaj eĉ aserti publike ke la plej agrabla kaj dolĉa, kaj — kiel mi volus diri — plej kortuŝanta estas por ni ĝuste la soleno je honoro de la Dipatrino, Sankta Maria Virgulino. Kaj tio tute ne estas miriga, tute ne estas nekomprenebla, ke ĉiu soleno je honoro de la Sankta Naskintino de nia Savinto tiel kortuŝe influas je nia animo, je nia koro! Tio ja rezultas el la naturo mem de nia rilato al Sankta Maria! Nur bonvolu, karaj gefratoj, konsideri tion iomete pli atente, pli akurate! kaj nome: Se ĉiu infano posedas denaskan inklinon, simpation al sia propra patrino, se ĉiu infano, eĉ suĉinfano ridante ĝojas en tiu momento, en kiu ĝi ekvidas sian patrinon, kaj ĝi senkonscie, vole ne vole plaŭdas gaje siajn manetojn kaj etendas ilin al ŝi, kiel al sia patrino, ho! tial ne estas mire, ke ni kristanaj katolikoj kiel insence ankaŭ denaskaj infanoj de la ĉiela Patrino ĝojas tiom multe kaj sentas en nia koro tiom da kontenteco, da plezuro, tiam, kiam ni, festante ian solenon je Ŝia honoro, rigardas Ŝin per la okuloj de la kredo. Ho! Jes! En tia tago ŝajnas al ni, ke la Sankta Virgulino alproksimiĝas al ni, parolas kun ni, kaj karesas nin! En tia tago, t.e. en tago de la soleno je honoro de nia ĉiela Patrino, nia koro ekbatas pli vigle, pli forte, pli ĝoje! Tio estas vera! miaj karaj gefratoj! tion ja spertis kaj spertas ĉiam ĉiuj fidelaj infanoj de la Sankta Maria! Kaj jen hodiaŭ estas tia sol-

ena momento, tia solena tago por ĉiuj filoj kaj filinoj de la ĉiela Patrino! Jen ĝuste hodiaŭ la tuta katolikaro, dissemita tra la tuta terglobo, festas unu el la plej belaj, unu el la plej gravaj kaj plej grandiozaj solenoj je honoro de la Reĝino de l' ĉielo kaj de l' tero! kaj nome: la solenon de la Asumpcio de la Sankta Maria Virgulino! Ho! miaj karaj gefratoj! la hodiaŭa soleno estas tre agrabla por ĉiu kristana Katoliko, por ĉiu infano de l' ĉiela Reĝino, ĉar ĉi tiu soleno memorigas al ni kaj kvazaŭ prezentas vivanta antaŭ niaj okuloj la grandan, la grandiozan triumfon de nia plej aminda ĉiela Patrino! la grandan kaj plejvaloran rekompencon, kiun Ŝi estis ricevinta de Dio por sia fidela servo, por sia fidela obeo al Li! Ho! efektive veriĝas plene Ŝiaj vortoj, Ŝiaj paroloj eldiritaj iam al anĝelo Gabrielo: „Jen la Servantino de Dio! al mi okazu konforme al parolo Via"! Jen mi estas la plej humila regatino Via, ho plej potenca, ho plej mizerikorda Dio!" Kaj efektive! Sankta Maria estis plej fidela (el ĉiuj kreitaĵoj) servantino de Dio! Ŝi plenumadis plej fidele ĉiujn siajn devojn dum tuta sia surtera vivo, kaj hodiaŭ en festotago je Ŝia honoro Ŝi ŝajnas voki el ĉieloj al ni ĉiuj kaj voki jene: „Infanoj miaj karaj! idoj, kiujn mi estas alpreninta iam kiel tielajn sur la Monto Kalvario, sub la Kruco de Mia plej kara Filo Jezu-Kristo! Infanoj miaj rigardu Min hodiaŭ! kaj konvinkiĝu, ke estas inde, ke estas indege, ke estas profitplene servi fidele al Dio! Rigardu min! rigardu mian triumfon de la Asumpcio, triumfon, kies rememoran datrevenon vi festas hodiaŭ, rigardu tiun abundan rekompencon efektivigitan al mi de Dio, kaj imitu min!" Ho! ĝuste tia kaj ne alia admono atingas kaj frapas hodiaŭ miajn orelojn! ho ĝuste tia kaj ne alia admono venas de ĉi tiu plej bona ĉiela Patrino al ni, Ŝia infanaro! Do ni ne ŝtopu niajn orelojn kontraŭ ĉi tiuj afablaj, dolĉaj kaj mildaj paroloj, sed kontraŭe, akceptinte dankeme ĉi tiun admonon, ni ŝatu ĝin respektplene, ni observu, ni sekvu ĝin, ni — unuvorte — servu fidele al Dio, ni obeadu Lin dum tuta nia surtera pilgrimado, ni obeadu Lin ĝis la lasta spiro de nia vivo! Ho jes! miaj gefratoj, ni servu

al Dio, ĉar servi fidele estas ne nur honore sed ankaŭ profitplene por ĉiu homo!

Karaj gefratoj, ni ekzamenu hodiaŭ laŭvice ĉi tiujn profitojn, kiujn kreas al ni, kiujn okazigas al ni la fidela servado al Dio! ni ekzamenu almenaŭ la plej gravajn utilojn, kaj certege ni konvinkiĝos, ke efektive la fidela servo al Dio estas vere, sendube la plej fruktodona! Kaj nome: nur vi atentu bone! Unue: La fidela servado al Dio t. e. la preciza plenumado de ĉiuj niaj devoj rilate al Dio, al ni mem kaj al proksimuloj kreas en nia animo *la internan feliĉon!* t. e. tiun dolĉecon de la paco, kiu en la vivo de la homo estas kvazaŭ la hela suno sur la lazura ĉielo. Jes! miaj gefratoj! Kaj ne estas malfacile ekdiveni la ĝustan kaŭzon, pro kiu fariĝas tio, kial la fidela servado al Dio naskas la internan serenecon, trankvilon, kaj kontraŭe la deturniĝo de Dio okazigas la malpacon, maltrankvilon, la internan animtempeston. Rimarko nur! Jen la homa vivo estas kvazaŭ la rapida torento, kiun ni homoj devas transiri por atingi la bordon de la eterneco. Kaj ĝuste sur ĉi tiun torenton Dio estas metinta la tabulenton, la ponteton t. e. siajn leĝojn, siajn preskriptojn proklamatajn al ni de la konscienco kaj Katolika Eklezio. Kaj jen ĉe la ambaŭ flankoj de ĉi tiu ponteto bruas, muĝas kaj kvazaŭ bolas furiozaj ondoj, ondegoj, profundaj turniĝoj t. e. la homaj pasioj, la diversaj tentoj, la malbonigitaj inklinoj instinktaj, kiuj deziras, kiuj penas forkapti nin, altiri nin al si, kaj fari nin siaj sklavoj. Do, kiu homo surpaŝas ĉi tiun ponteton, kaj paŝas ĝin rekte, singardeme t. e. kiu homo aliĝas al Dia koro por tuta sia estaĵo per la honoro, obeamo kaj amo al Li, kiu observas fidele ĉiujn Liajn leĝojn, tiu pasigas ĉi tiun surteran vivon trankvile, kviete, beate, kvankam la ventegoj muĝas ĉe liaj piedoj; kaj kontraŭe, kiu facilanime deflankiĝas, devojiĝas, malsupreniras de ĉi tiu ponteto, tiu nepre fariĝos la viktimo de la pasioj kaj diversdevenaj tentoj, tiu nepre perdos la internan pacon kaj sekve la feliĉon. Ĉu ne pruvas al ni ĉi tiun aserton, ĉi tiun veron la faktoj, la historio kaj ankaŭ la ĉiutaga sperto? Karaj gefratoj! vi imagu nur du homojn! unu el ili servas fidele

al Dio, kaj la alia servas al pasioj, fariĝis la sklavo de ili! Kiu, mi demandas, kiu el ili ĝuas la pacon, la internan feliĉon? Ho verdire! ne la servanto al pasioj! ĉar ĉu li servos al fiereco, ĉu al avideco, ĉu fine al iu ajn formo de la senbrideco, li ĉiam estos malfeliĉa! La fiereco senigos lin de la amo, amikeco flanke de la proksimuloj, la avideco senigos lin de la trankvilo, paco, dum tago kaj nokto, kaj la senbrideco okazigos al li la senhonoriĝon, la malsanojn ofte nekuraceblajn de la korpo, kaj, kio estas pli malbona, la hontindan *malnobliĝon de l' animo.*

Unuvorte ĉiuj pasioj venenas, submordas kaj fine mortigas la internan feliĉon! Kaj kontraŭe, kiel grandan feliĉon ĝuas la animo de la fidela servanto de Dio! Ho! miaj gefratoj! mi certege estos prava, se mi diros, se mi asertos, ke lia koro estas kvazaŭ la regno de la paco, regno, kie furiozas nenia ventego, nenia tempesto! Lia koro timas nenion! Jes! la fidela servanto al Dio ne estas turmentata de la konsciencriproĉoj, li ne batalas kontraŭ proksimuloj, li laboras gaje, li ripozas kaj dormas kviete, trankvile. La tuta naturo ŝajnas al li esti bela, kaj bona! Do mi ripetas kaj akcentas forte, ke unike en la fidela, en la neŝancelebla kaj solida servado al Dio troviĝas, konsistas la ĉiela mistero de la interna feliĉo de la homo, ke nur sub jugo de diaj leĝoj sentas sin feliĉa la animo, ke nur sur ĉi tiu vojo, t. e. vojo de diaj leĝoj kreskas la palmo de la interna paco, la palmo refreŝiganta la lacan homan pilgrimanton!

Nun ni konsideru la aferon plue! La fidela servado al Dio donas al ni, okazigas, kreas al ni ankaŭ la *nuntempan prosperon* t. e. la benon de l' ĉielo en ĉiuj niaj laboroj, klopodoj kaj penoj! Ho jes! la abunda roso de l' ĉiela beno gutas nur sur la laboron de la fidelaj servantoj de Dio! Tiun veron pruvas jam la paroloj de la Sankta Skribo kiel ekz: „Beataj estas ĉiuj, kiuj timas Dion kaj paŝas Liajn vojojn! El laboro de viaj manoj vi profitos, feliĉa vi estos, kaj vi bone fartos!" Jen dolĉaj promesoj, jen klaraj certigoj de la sukceso por ĉiu fidela servanto de Dio! Cetere multaj faktoj cititaj en la Sankta Skribo konfirmas ĉi tiun veron.

Ekz. ni demandu nin mem, kio okazigis al Patriarko Noe, Abraham, aŭ David, aŭ egipta Jozefo la tiel grandan prosperon en aferoj pure surteraj, nuntempaj, la tiomon da sukcesoj; kio donis al ili la riĉaĵojn, la gloron, potencon kaj ĉiaspecan prosperecon? Jen la fidela kaj solida servado al Dio! Miaj karaj gefratoj! Vere okazas ne malofte, ni scias tion, ke Dio iatempe provas siajn fidelajn servantojn kiel ekz. virtoplenan Job, Tobion maljunan kaj junan; vere okazas ne malofte, ke la malfidelaj servantoj, malpiuloj, eĉ la krimulaj ĝuas la prosperon, bonfarton, bonstaton, sed tio neniel malfortigas nian argumentadon, ĉar la feliĉo de la malfidelaj servantoj al Dio estas nur ŝajna kaj momenta, ĝi estas la brilanta sed malsuprenfalanta kaj pereanta stelo, ĝi estas kvazaŭ tiu arbusto, tiu arbetaĵo de la profeto Jonas, arbetaĵo, kiu matene ekverdiĝis, ekkovriĝis per folietoj, sed jam tagmeze eksekiĝis, ĉar la vermo submordis ĝiajn radikojn. Ho! tio estas pruvita jen per Sankta Skribo, jen per multaj faktoj, ke la nuntempa prospero de la homo posedas sian fonton nur en la fidela servo al Dio! Ke la fideleco al Dio plenigas domojn niajn per ricaĵoĵ, ke ĝi okazigas konsolon en ĉiu direkto, rilato, ke ĝi forigas dornojn kuŝantajn sur nia vivvojo, unuvorte ke la fidela servo al Dio donas al ni ĉion, kion ni kutimas nomi la prospero, la ekstera feliĉo!

Kaj fine la fidelan servanton de Dio atendas ankoraŭ unu rekompenco plej grava, plej granda kaj plej valora, kaj ĝi estas ĝuste la eterna beateco, la eterna feliĉo, kiun ravita Apostolo priskribis iam kaj prezentis jene: „nek okulo vidis, nek orelo aŭdis, nek koro antaŭsentis, kion Dio pretigis al tiuj, kiuj amas Lin," aŭ aliaj paroloj de la Sankta Skribo „bone estas, ho fidela kaj bona servanto, ĉar vi estis fidela en malgrandaĵoj, eniru en la palacon de la eterna lumo, ĝojo kaj feliĉo!" Jen ĝuste tia estas la lasta frukto de la fideleco al Dio, de fidela servado al Li, jen ĝuste tia estas la lasta rekompenco preparita al ĉiu, kiu plenumas precize ĉi tiun ordonon de Nia Savinto: „Do vi redonu al Dio, kio estas de Dio"!

Nun, miaj karaj gefratoj, ni ĉiuj suprenleviĝu image,

spirite, anime al ĉi tiu ĉiela nia patrujo kaj rigardu, kiel riĉe, abunde pagas Dio al ĉiu sia fidela servanto! Ni rigardu unue *la apostolojn*, tiujn plej fidelajn servantojn de Dio, kiuj en laboro, en peno kaj ŝvito plantadis kaj semadis la grejnon de la kredo! ho! kiel grandan profiton donis al ili ilia fidela servado al Dio! Jen ili triumfas hodiaŭ en ĉieloj! Ni rigardu plue *la martirojn*, tiujn bravajn, tiujn kuraĝegajn soldatojn de Jezu-Kristo, kiuj pro kaj por sankta nomo de Jezu estas elverŝintaj sian sangon kaj oferis eĉ sian vivon! ho kiel grandan rekompencon ili estas ricevintaj por sia fideleco al Dio! Rigardu ni fine ĉiujn aliajn personojn, *homojn diversajn* nacirilate, lingvorilate, profesirilate, aĝrilate, kiuj estas finintaj sian surteran pilgrimon en Dio kaj kun Dio, kiom ili estas feliĉaj!

Kaj nun ni finu nian unuan konsideradon kaj ni faru la praktikan konkludon. Jen ni ĵus sciiĝis kaj konvinkiĝis plene, kiel dolĉajn fruktojn eligas kaj donas al ni la fidela, la neŝancelebla, la solida servado al Dio t. e. la internan feliĉon, la nuntempan prosperon kaj eternan beatecon! Ho kiel gravaj, kiel ĝojigaj kaj valorplenaj estas por ni ĉiuj ĉi tiuj vortoj! Ĉu do povas esti, mi demandas, ke ni, posedante sanan intelekton, prudenton, ne etendu niajn manojn por atingi, por deŝiri, por ekkapti ĉi tiujn dolĉajn fruktojn? Ĉu do povas esti, ke ni, dezirante ekposedi internan feliĉon, nuntempan prosperon kaj posttomban triumfon, ne klopodu, ne penu, ne plenumu tiun kondiĉon, de kies plenumiĝo dependas la kontentigo de nia plej profunda deziro? Ho! ni ne estu tiel facilanimaj, ni ne estu tiel malprudentaj kaj malsaĝaj, sed ni fidele kaj fervore plenumu ĉi tiun necesegan kondiĉon! t. e. ni servu, ni servadu fidele al Dio ĝis la lasta spiro de nia vivo! En tio ni imitadu la bonegan ekzemplon, la grandiozan modelon, kiun ni havas en Nia ĉiela Patrino, kaj ni jam hodiaŭ ekvoku publike kaj sincere, same kiel Ŝi ekvokis iam: „Jen la Servantino de la Sinjoro! (fariĝu en mi konforme al parolo Via!”) Ni ankaŭ ekvoku: „O Dio! senlime bona kaj mizerikorda, jen ankaŭ ni estas servantoj Viaj kaj servantoj ankaŭ fidelaj! ni ĉiuj troviĝantaj nuntempe ĉi tie, en Via sanktejo! Ni kunvenin-

taj el ĉiuj partoj de la mondo, el ĉiuj preskaŭ anguloj, ejoj de la terglobo, ni estas ankaŭ fidelaj Viaj servantoj, ni ja plenumos unu el la plej gravoj devoj, kiujn Vi Dio estis metinta sur niajn brakojn, ni ja deziras plenumi Vian ordonon „Amu Vi unu la alian", ni ja per helpo de Via mirinda kaj al ni donita ilo deziras disvastigi ĉie en la mondo la konon de Via ordono, kaj ni klopodos ke ĉiuj nacioj, ĉiuj popoloj, ke la tuta homaro plenumu ĝin plej fidele! Ni ja estas anoj kaj adeptoj de ĉi altvalora porfrateca, poramikeca movado, kiu mirinde disvastiĝas tra la tuta mondo! Ho! Dio! nia ĉiela Patro, bonvolu beni nian movadon porfratecan, poramikecan, vere porvian, movadon, kiu dank' al Via granda graco donita al tuta homaro, t. e. dank' al freŝdate elpensita lingva interkomprenilo tiel mirinde disvastiĝas jam en la mondo, benu tiun movadon, kies unu nura, unika celo estas gloro al Vi kaj feliĉo de l' tuta homaro; benu tiun movadon, kies celo unika estas la plenumiĝo de Via deziro kaj ordono, t. e. ke estu „Unu Ŝafaro, kaj unu paŝtanto!" Amen.

Pastro Jozef SZUREK,
en Lonczrki apud Frysztak.

## Rimarkoj, okaze de la enpresigo de la Prediko de P-ro Szurek.

Mi estas feliĉa enpresi la predikon de P-ro SZUREK en nia Aprila numero, kiu aperos kiam la „Monato de Maria" alproksimiĝas. Oni jam legis en nia Oktobra numero 1912 la raporton pri la Jubilea Kongreso en Krakovo, elprenita el *The British Esperantist.* Ni legas p. 329:

„Jaŭdo, la 15-a — Maria tago — estis okupata de Diservoj. La „katolikan Preĝejon Marian vizitis densa popolamaso kaj belega „muzika meso estis sekvata **de tre elokventa Esperanta prediko „de vera oratoro".**

Kiu estis tiu elokventa oratoro ne ĉesis esti mistero, ĝis la momento, kiam nia ŝatata kunlaboranto, P-ro SZUREK, faris al ni la honoron, sendi la manuskripton de sia prediko. — Vere, ne iu el la ĉeestintoj sendis eĉ raporteton aŭ simplan sciigeton al E. K. pri la kunvenoj kaj agoj de la Katolikoj dum la Jubilea Kongreso. Iu

esprimis letere sian miron, ĉar li ne ankoraŭ vidis reproduktita en E. K. la fotografiitan grupon de katolikaj kunvenintoj dum „La Oka". Sed neniu sendis al mi la kliŝaĵon. Tiel estis neeble al la redaktoro de E. K. enpresi ion pri la katolikaj kunvenoj dum „La Oka"; nek same la oficialan raporton pri „Nia Tria" en Budapest, nek ankaŭ la paroladojn de la Budapestaj oratoroj. — Tre interesa estus enketo pri tio: kiu pli bedaŭras tiun gravan mankon, ĉu la fidelaj E. K.-abonantoj, ĉu la fervoraj I. K. U. E.-anoj, ĉu la agemaj oratoroj, ĉu la malfeliĉa redaktoro de E. K. Verŝajne ĉiu ajn tion bedaŭrindegas, kaj mi miras, ke mi ne ricevis pli energiajn protestojn de nia tro pacienca kaj bonvola anaro. Tamen la redaktoro neeble povas enpresi manuskriptojn aŭ sciigojn, kiujn la kunlaborantoj havis la honoron **ne** sendi al li. Kaj se oni tion tuj komprenas kiel kolosa verego, eble oni bonvolos ankaŭ rekoni almenaŭ kiel vereto, ke eble la ne-sendo estas malhonoro por nia oficiala gazeto kaj nia movado. Ĉiuokaze nia movado ŝajnas al mi ankoraŭ iomete plibonigebla precipe rilate al devoj pri okazintaĵoj kaj pri la estinto. Nia movado ne ĉiam ion far**os**, sed ankaŭ ion far**is**, kaj oni kutimas agi, kvazaŭ ankoraŭ nenio estas farita, sed ĉio ankoraŭ estas farota, kvazaŭ la faritaĵoj ne devas esti la bazo de la farotaĵoj, kvazaŭ I. K. U. E. ne ankoraŭ fakte estas ekzistinta, sed ĉiam denove ankoraŭ estas komenconta agadi. Tiel la nepra forgeso de estintaj kongresoj kaj decidoj, kaj la nura memstara denova preparado de estonta kongreso faras al mi la impreson de nekunligiteco de la estinto kun la estonto, impreson de sensistemeco kaj senorganizeco. Kaj — se magnis parva componere licet — se estu permesate kompari malgrandetajn aferojn kun grandegajn? — la nuna agmaniero faras al mi la impreson de ĉiujara plantadode kristnaskpinarbo, al kiu oni pendigas fruktojn kaj frandaĵojn kaj kiun oni ornamas je kandeletoj, k. t. p.; vere beleta kaj ĝojiga por la infanoj, eĉ plenkreskuloj povas kunĝoji — tamen io artefarita, arbo sen radikoj, forĵetota tuj post la kristnaska festo — ĝis kiam denove alproksimiĝas kristnaska festo kaj oni denove elhakas pinarbon por ĝin ornami, k. t. p. — Dum vera, organizita movado laŭ mi komencas per plantado de vere vivanta arbeto kun radikoj kaj branĉoj kreskiĝontaj, kiu la tutan jaron estas atente prizorgata, kiu printempon verdiĝas kaj floras kaj kiu ĉiujare aŭtunon portas siajn proprajn fruktojn en ĉiam pli granda kvanto kaj pli bona kvalito; kaj kiu fine kiel giganta arbo majeste etendiĝas kaj utilas kaj ĝojigas al sennombruloj . . .

Mi do supozas, ke la alsendita prediko de P-ro SZUREK estas la

fama „elokventa prediko de vera oratoro", pri kiu mi legis en nekatolikaj Esperantaj Gazetoj. Kaj se mankas al la presita prediko la viva voĉo, tamen oni ĝuos ĝin pro ĝia beleco.

Mi rimarkas, ke mi senŝanĝe enpresis kelkajn radikojn, kiuj, ne precize fundamentaj, tamen estas vere katolikaj kaj tuj kompreneblaj de la internacia katolikaro; i. a. la radiko „beat-", kiun ni vere bezonas kaj kiu troviĝas en la pola-esperanta vortaro de GRABOWSKI. Eble la Komisio pri vortaro de katolikaj terminoj, starigita dum Nia Dua en Hago (1911), jam pretigis kaj baldaŭ eldonos la vortaron bezonegan de katolikaj kaj teologiaj terminoj?

D-ro SMULDERS.

# Esperanto kaj la Pacmovado.

En la Januara numero de la organo de la Ĝenerala Nederlanda Ligo „Paco per Juro" diversaj personoj pritraktis la pacmovadon laŭ malsama vidpunkto.

Tamen grava vidpunkto ne estis ankoraŭ pritraktata, kaj mi klopodos resume rigardadi ĝin nome: La Tutmonda Helplingvo Esperanto kaj la Pacmovado.

Se kiel S-ro A. PIETERS skribis en la citita Januara numero en la artikolo „Vojaĝado kaj la Pacmovado", la turismo kunlaboras al progresigo de la pacideo, ĝi helpas disvastigi la konscion pri la unueco de la tuta homaro, ĝi kunigas la naciojn: kiom pli la popoloj alproksimiĝos unu al la alia, se ili povos facile interkompreni, se ili povos paroli komunan lingvon.

Nuntempe oni devas, se oni deziras esti iom komforta en fremda lando, *krom la patran lingvon*, lerni minimume tri lingvojn: la francan, anglan kaj germanan, kio kostas multe da tempo kaj peno, kaj tio estas neebla al la granda plimulto.

Kiom pli bone, se oni bezonus lerni nur unu lingvon krom la patran.

Se la popoloj per ofta interrilatado lernas estimi pli bone unu la alian, tio certe estos multe pli akcelata, se oni povos esprimi siajn ideojn per komuna lingvo.

Sed, oni kelkfoje asertas, Esperanto estas malpatriota; ĝi intencas forigi la patran lingvon kaj la landlimojn.

Al tio mi nur volas respondi: Patran lingvon oni povas *neniam* forpeli. Ĝi tiel enradikiĝis en la popolo, tiel kreskis kun la popolo, ke nenia monda forto povas forigi ĝin.

Kaj rilate al la landlimoj mi citas parton el la fino de la artikolo de S-ro H. A. LORENTZ: „La internacia scienco progresigas la pacon” en la jam nomita januara numero de la organo de „Paco per Juro”, kie li diras: La sperto sufiĉe montras, ke la nacia sento estas sufiĉe viva kaj fortika, ke ĝi povas rezisti al tio, jes, ke ĝi precize per kontaktiĝo kun fremduloj povas pli konsciiĝi kaj pli profundiĝi.

Eble oni diros: Sed Esperanto ja ne havas estonton! ·kial eklerni ĝin?

Tiu, kiu asertas tion, ne observis ĉi tiun movadon!

Ne plu estas lando, kie Esperanto ne estas parolata, ne plu lando, kie oni ne povas helpi sin per Esperanto. Krom tio, la *help*lingvo estas facile lernebla de malpli kleraj personoj.

Tial la plej grandiozaj movadoj, la Pacmovado kaj Esperanto devas iri kune.

Esperantistoj aliĝu la Pacmovadon, kaj vi, Pacifistoj lernu Esperanton!

Hago, Marto 1913.
J. M. MAURY.

La verkinto petas la tradukon de ĉi supra artikolo por la naciaj gazetoj kaj ekzempleron de tiuj gazetoj volonte ricevos.

---

# IX. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## BERNO 24—31 DE AŬGUSTO 1913.

Duan fojon Svislando havas la honoron kaj la feliĉon gastigi la internacian Esperantistaron. Ĉi tiun fojon la svisa Ĉefurbo Bern mem afable akceptos la gastojn. Ĉe la piedo

de la neĝkovrita Alparo sidas la svisa metropolo, ĉirkaŭfluata de rava verda rivero Aare, kaj loĝata de inteligenta kaj laborema loĝantaro. La regiono de la urbo kaj de ties ĉirkaŭaĵo estas tre varia rilate al vidindaĵoj kaj belegaj punktoj. Ĉiuj vizitantoj de Bern estas ravitaj pro ĝia arta, serioza, pura kaj nekomparebla eksteraĵo. Dum la lastaj jardekoj la urbo multe pligrandiĝis kaj plibeliĝis, ĉar oni konstruis grandan nombron da arte aspektaj domoj kaj palacoj. Inter ili troviĝas la nova Universitato sur monteto meze de la urbo, el kie oni ĝuas plej belan aspekton de la tuta neĝa Alparo, kaj la grandioza Kazino sur la pentrinda bordo de la Aare. En ambaŭ okazos la kunvenoj kaj festoj de la Naŭa. La organizado de la granda festo bone marŝas pro la favora helpo de la aŭtoritatoj kaj la sindono de la tuta loĝantaro. La kongresanoj renkontos tutan serion da amuzaĵoj kaj belaj festoj. Laŭ la provizora programo, kiu cetere fariĝos definitiva tuj post aliĝo de sufiĉe granda nombro de samideanoj, ni havos la jenajn festaranĝojn: La internacia balo en la paradizaj haloj de la Kazino. (La samideanoj bonvolu pretigi kaj alporti siajn naciajn kostumojn.) Granda koncerto de Bern'a virĥoro kun diversaj gesolistoj. Ekskurso en la plej belan parton de la svisa Alparo (tutan tagon) kun pikniko kaj koncerto en Interlaken, veturado sur belega lago de Thun, meze de la montegoj, kaj vespermanĝo en Thun. Teatra prezentado (Originala verko en Esperanto). Festeno sur monto Gurten apud Bern (alteco 860 m) kun „Jodlada" koncerto, svisaj luktludoj k. t. p.

Ekskursoj de unu aŭ kelkaj tagoj sur la plej konatajn pintojn de la Alparo kun plej lertaj gvidistoj. La diversaj alpaj fervojoj donas specialan rabaton por la kongresanoj, ekzemple la fervojo de la Jungfraŭ, plej alta montego en Bernaj Alpoj (4167 m) konsentas tiel grandan rabaton, ke kongresanoj povos veturi al stacio Jungfraŭjoch, meze de glaciaroj, tie tagmanĝi kaj reveni Bernon por la ridinda sumeto da 10 Spesmiloj! Do kiu neniam havis la feliĉon vidi eternan neĝon aŭ marŝadi sur glaciaro, en Aŭgusto, tiu venu al nia kongreso kaj li povos ĝui tiun feliĉon.

En la kongresa kunvenejo troviĝos aparta poŝtoficejo por la kongresanoj, kie la oficistoj parolos Esperanton kaj stampos la leterojn per speciala stampilo en nia lingvo.

Ni ĵus eldonis du belajn poŝtkartojn multkolorajn. La unua surhavas aspekton de la urbo Bern kun la Alparo en la fundo, la dua vidigas belan kaj artan esprimon de la internacia ideo. La bildo de ĉi tiu poŝtkarto ankaŭ vidiĝas sur la sigelmarko ĵus eldonita. (Prezo de la poŝtkartoj po peco 4 sd. — 10 centimoj — kaj de la sigelmarko 40 sd. — unu franko — por 100 pecoj.) La insigno, el arĝento, estos la plej bela el ĉiuj ĝisnunaj kongresinsignoj.

Grave por ĉiuj vizitantoj de Svislando estas, ke niaj fervojoj eldonas specialajn abonbiletojn por 15 aŭ 30 tagoj. Tiuj biletoj kostas por 2-a klaso 65, por 3-a klaso 45 frankojn por 15 tagoj kaj valoras por ĉiuj fervojoj de la tuta Svislando, escepte la privataj fervojoj sur la montoj kaj kelkaj apudaj, cetere tre malgravaj, linioj. Tiuj biletoj estas treege praktikaj por fari voĵaĝojn tra la tuta paradiza lando kaj viziti ĉiujn belajn lokojn. Ni tial rekomendas al ĉiu kongresano aĉeti tuj ĉe la landlimo tian bileton, se li intencas restadi kelkajn tagojn post la kongreso en Svislando. Sed en la okazo, ke li volas viziti nur la kongreson kaj la postkongresan vojaĝon, li aĉetu ĉe la landlima stacio bileton por iro kaj reveno, tiaj biletoj estas tre malkostaj; ekzemple de Ĝenevo al Berno la simpla bileto kostas — en tria klaso — Fr. 8.25, por iro kaj reveno ĝi kostas Fr. 10.30, la reveno kostas do nur 2 Frankojn, aŭ kvaronon de la iro. Tia duobla bileto valoras dum 10 tagoj!

Svislando estas ĉiujare la renkontejo de milionoj da fremduloj el ĉiuj kontinentoj, kaj ni konsilas al la Esperantistaro atentigi eventualajn vizitontojn de Svislando pri la favoroj, kiujn povos havigi al ili la kongreso, por ke ili uzu tiun tempon por sia vizito, eĉ estante neesperantistoj, sed pagante la kongresan kotizon da 6 Spesmiloj.

Por la organizado de la dum- kaj postkongresaj vojaĝoj la Kongresa Komitato faris kontrakton kun bona firmo, kiu zorge kaj detale preparas nun la diversajn projektojn. En unu el niaj estontaj cirkuleroj ni donos la necesajn informojn.

La subkomitato por la Loĝado eklaboris kaj povas denun plenumi la petojn pri ĉambroj k. t. p.

Por personoj dezirante restadi ĉu antaŭ ĉu post la kongreso kelkajn tagojn aŭ semajnojn en bonaj ripozejoj, la komitato preparas liston de tre rekomendindaj pensionoj en la ĉirkaŭaĵo de Bern kaj en aliaj partoj de la lando. Aliĝoj al tiaj pensionoj ni de nun kolektos kaj donos informojn pri prezoj k. t. p.

Kaj nun, karaj samideanoj el tuta terglobo, venu multnombre al nia bela kongreso, sendu tuj vian aliĝon kun la responda kotizo da 15 Fr. (6 Sm.) al la „Kantonalbank" en Bern, mendu viajn ĉambrojn kaj la diversajn eldonaĵojn de la kongreso, poŝtkartoj, sigelmarkoj, por fari per ili propagandon.

Kun samideanaj salutoj

LA DIREKTANTA KOMITATO.

# Katolika Vivo Ĉiulanda.

## Novaj Progresoj en Aŭstrio. — La Karl Vogelsang-Ligo.

**Antaŭrimarkoj de la Redakcio.** — Eble kelkaj legantoj de E. K. miros pri kelkaj esprimoj de suba artikolo.

Ĝi parolas pri „kristana socialismo".

„Kristana" estas en Aŭstrio la kutima esprimo por „katolika"; almenaŭ tio estas tie ĉi la signifo.

„Socialismo" signifas en la buŝo de la fondintoj de la „*Vogelsang-Bund*": sociala agado.

Do „kristana socialismo" signifas simple: katolika sociala agado. — Ankaŭ en aliaj landoj ekzistas la katolika sociala agado, kiu estas pli aŭ malpli forta movado laŭ Enciklikoj de Papo Leo XIII. — Tamen la „kristana socialismo" en Aŭstrio maltime kaj kuraĝe celas iri rekte antaŭen al sia celo: la praktika aplikado de la katolikaj doktrino kaj principoj sur socia kampo; duoneco kaj mallaboremo pro malfacilaĵoj renkontitaj naŭzas al ĝi. Ĝi ne nur komprenas kaj aprobas la katolikan doktrinon pri sociala justeco.ĝi ne nur parolas pri ĝi inter samopiniuloj, sed ĝi nepre volas kaj agas, por ke efektive ĝi estu aplikata plene kaj ĉie.

Kiam la Kristana Socialismo parolas pri „kapitalismo", ĝi aludas ion tute alia, kion aludas la socialdemokratio kun ĝiaj malsaĝaj doktrinoj pri kapitalismo. Ĝi aludas la praktikan materialismon, la adoradon de la ora bovido, al kiu estas oferindaj la karno kaj sango de homoj vivantaj, sen atentado al kristana karitato kaj sociala justeco. — Ĝi ankaŭ ne kiel la socialdemokratio, estas unuklasa partio, sed ĝi ampleksas ĉiujn rangojn kaj klasojn, kiujn ĝi alvokas kaj invitas al frata kunlaboro por sia celo: la venko de la katolikaj socialaj principoj super la praktika materialismo, kies nura celo estas mono kaj ĝia nepra akirado. Principe ĉiuj, kiuj kunlaboras al ĝia ĉelo, apartenas al ĝi: ĉu kapitalisto ĉu malriĉulo, ĉu industriisto, ĉu laboristo, ĉu scienculo, ĉu kamparano, ĉu pastro, ĉu laiko k. t. p.

Kaj, ĉar en Aŭstrio la Judoj estas la plej potencaj kapitalistoj kaj precize ili praktikas tiun materialismon, kiu estas tute kontraŭa al la fundamentaj kaj malnovaj principoj de la Katolika Eklezio, — pro tio en Aŭstrio „la batalo kontraŭ la kapitalismo" en la senco, kiun al ĝi donas la kristana socialismo, havas la saman signifon kiel „la batalo kontraŭ la (mon)judoj". Pro tio ankaŭ tiu movado estas tute fremda al la antisemitismo, kiu nediferencige kaj ofte manifurioze persekutas ĉiun, kiu estas Judnaciano. Ne korpa, sed spirita estas la batalo; ne inter personoj, sed inter doktrinoj okazas la batalo; ne la kapitalismon kiel tian oni celas mortbati, sed la praktikan malbonuzon de la grandkapitalo je mizeruligo de niaj pli malfortaj kunhomoj; sed la praktikan materialismon, por kiu mongajno estas tio, al kio ĉio devas esti oferita kaj kiu estas tute mala al la sociala justeco; sed la regnon de mallumo, kiu estas tute kontraŭa al la regno de lumo kaj vero kaj karitato: la Katolika Eklezio. La antisemitismo do estas tute alia afero, ĉar ĝi ĉiumaniere celas subpremi kaj forpeli personojn. La kristana socialismo celas laŭleĝe venkigi la katolikajn socialajn principojn.

Tiu, kiu deziras pli intime konatiĝi kun la ideoj de VOGELSANG, legu la tre rimarkindan kaj pripensigan libron de Anton OREL: *Kapitalismus, Bodenreform und Christlicher Socialismus* (264 paĝoj; prezo 2 kronojn).

Eble oni rememoras la nomon de Anton OREL. En E. K. Majo 1912 (No. 85) p. 189 k. s. mi recensis la gazeton kaj la librojn de la „Asocio de la Kristana Junularo de Aŭstrio". Unu el la lastaj agoj de la glore mortinta kardinalo NAGL, princoĉefepiskopo de Vieno, estis la starigo de unueco inter la diversaj junularaj asocioj. Sub Lia patronado kaj aprobo la diversaj partioj akceptis la kuniĝon sub la nomo: Unuigita Katolika Junularo de Aŭstrio. Bedaŭrinde jam baldaŭ

kelkaj malbonvoluloj rompis la kontrakton; sed la malnova „Asocio de kristana junularo de Aŭstrio”, kiu ĉiam agis plej lojale, sincere kaj noble, restis fidela al la donita vorto. Ĝi nun starigis la *Vogelsangbund*, kiun oni jam delonge intencis starigi, sed kies starigon oni prokrastis pro praktikaj motivoj.

En la supre citita recenzo mi jam atentigis pri la grandiozaj entuziasmo, principeco, vireco kaj katolikeco de la nomita junularasocio kaj por pravigi mian laŭdon kaj admiron mi citis la leteron de la religia konsilanto de la Asocio, P-ro ABEL S. J. — Tio estas la forto, la venkopovo de tiu asocio: ĝia ĉiama sincereco rilate al Vereco kaj Justeco kaj ĝia ĉiama kuraĝo por montri sin antaŭ la homoj kaj diri al ili la veron. Ĉiam ĝi agis laŭ la vortoj, kiujn diris LUEGER, la fama urbestro de Vieno, en iu junularkunveno la 2-an de Februaro 1898:

„Ni ne ŝatas simplulojn, ni ne ŝatas kaŝemulojn, ni ŝatas nur virojn, kiuj konscias sian valoron. *Viroj, kiuj scias humile genufleksi antaŭ sia Sinjoro Dio, kiuj tamen kuraĝas stari antaŭ homoj* tiel, kiel konvenas al veraj viroj Kiam vi estas mokitaj pro Via Kredo, tiam vi portu vian kapon ankoraŭ pli alte; la mokisto silentados. Oni mokis min unu fojon dum kunveno; la socialdemokratoj nome alblekis min insulteme: „Laŭdata estu Jezu-Kristo”. Sed mi respondis trankvile kaj plenserioze: „Dum ĉiuj jarcentoj. Amen.” Kaj se tie ĉi kaj tie la aferoj marŝas malbone — ja fariĝos pli bone, nur oni ne malesperu. Kiam oni konfidas al Dio, tiam ne ekzistas timo. Ne forgesu, ke ne homoj instruis al Vi tiun ĉi doktrinon, sed ke tio estas doktrino de la de Dio donita Religio. *Konservu vi ĉiun kuraĝon kontraŭ la homoj kaj neniam timu diri la* **veron** *al la homoj — ankaŭ kiel ajn alte starantaj!* Nur per tio nia katolika popolo povas esti koudukota al la venko”. — (citita en *Die Saat*, 21 Marto 1913, p. 58).

Suprajn rimarkojn mi opiniis utilaj, por ke la legantoj ne malbone komprenu suban artikolon, kiu estas grandparte traduko de la unua ĉefartikolo de la novaperinta organo de la *Karl Vogelsang-Bund.*

Nun mi donas la vorton al nia ŝatata kunlaboranto Karlo WESELY:

---

Estis ĉirkaŭ la 1870-aj jaroj. La tiel nomita Liberalismo, la „liberecdoktrino”, regis plene la kulturvivon, la politikan kaj ekonomian vivon de Aŭstrio. La Mono kaj ĝiaj posedantoj, la Judoj, estis la rekonitaj kaj humile honoritaj reĝoj

de la epoko. Religio, Kristanismo estis malestimitaj; ilin konfesi, estis rigardita kiel hontinda. Des pli alte estis honorita kaj respektita la monspekulacio, luktado kaj rapidado al riĉeco. La honesta laboro estis senkompate repuŝita. La kamparanmetio, la nutriga metio, alvenis al malriĉiĝo kaj enŝuldiĝo, kaj estis forpelita are el domo kaj kampo. La malgrandmetio kaj malgrandkomerco estis amase neniigita per la naskiĝinta grandindustrio. En la fabrikoj per 14—18 horoj da laboro kaj minimuma salajro la laboristoj estis elsuĉitaj, kripluligitaj kaj poste forlasitaj. La gazetaro troviĝis preskaŭ tuta en manoj de la Judoj. Registaroj, parlamento, landtagoj, urbaj komunumestroj, universitatoj, oficistaro nepre de ili dependis.

Ekstariĝis Karl Freiherr VON VOGELSANG, leviĝanta *la standardon de la kristana socialismo*. Estis ja la socialdemokrata Judo D-ro Otto BAUER, kiu priskribis la agadojn de tiu ĉi kristana socialismo (en la gazeto *Der Kampf*, (La Batalo) Junio 1911, p. 395) tiele: „Tiel la *akuzo kontraŭ la Kapitalismo* estis la propra esenco de la kristana socialismo. Ĉion tion, kion povas riproĉi al la kapitalismo la nobelaro, kiun detronas la burĝaro (mono-burĝaro); la eklezio, kies potenco la burĝaro limigis; la malgrandburĝaro, kiu fariĝis dependa de la kapitalo; la kamparanaro, kies posedon forprenas la hipoteko; la laboristaro, el kies karno kaj sango la kapitalisto forĝas profitojn — *ĉion tion la kristana socialismo ĵetegis al la vizaĝo de la kapitalismo* Tiu ĉi kritiko kun ĝia pasia akuzo *kondukis* **por la unua fojo** *grandajn popolamasojn en la politikan vivon*, al kiu antaŭe partoprenis nur malgranda aro da distingindaj nobeluloj, riĉaj burĝoj, honoravidaj doktoroj. Ĝi **detronis la popolfremdan Liberalismon, malfortigis la kredon al la kapitalismo, metis la grandajn socialajn problemojn sur la tagordon.** Tio daŭrigos esti ĝia historia merito." — Efektive estis VOGELSANG kaj liaj amikoj kaj disciploj, kiuj jam ĉirkaŭ la 1880-aj jaroj venkis unuafoje la Liberalismon kaj kiuj devigis al enkonduko de la *unuajmetiaj kaj laboristaj protektleĝoj*. Por la kamparanaro estis akirita aprobo por propra leĝo *(Höfer-*

*echtsgesetz),* kiu tamen ne estis aplikita. Tiam mortis VOGELSANG.

Liaj doktrinoj, jes eĉ lia nomo, de ja tro multaj estis sendanke kaj senfidele forgesitaj. Liaj grandampleksaj reformklopodoj vaporiĝis en supraĵa, laŭmomentajn rezultatojn serĉanta *unutagpolitiko.* La batalo kontraŭ la kapitalismo fariĝis senenhava *devizo*, la batalo kontraŭ la superregeco de la Judoj kaj de la mono fariĝis nura *ŝajnbatalado.* Anstataŭ lojala *social*politiko praktikiĝis miopa, la honestan laboron apartiganta, *klas*politiko... La ardega kaj venkoplena popolmovado de la 1890-aj jaroj perdis siajn celojn, senspiritiĝis kaj malaperis. Kapitalismo kaj Judismo denove maltime relevis la kapon; en reviviĝinta liberalismo kaj en la socialdemokratismo la batita borso akiris novajn armeojn. La monujego denove regas senlime.

En tiu ĉi tempo de l' humiliĝo ni nin arigis ĉirkaŭ la nomo de la *granda majstro*, por relevi la *malnovan* standardon de la kristana socialismo, kiu elfalis el lia mortanta mano kaj por ĝin glore konduki al novaj venkoj. Laŭ intenco de nia majstro ni volas por la dua fojo direkti la popolamason en la batalon pro la libereco, por la dua fojo **meti la grandajn socialajn problemojn sur la tagprogramon,** kaj ilin sukcesigi ĝis fina viktoribatalego, kiu haltiĝis en la 1890-a jaro.

Pro tio la „Unuiĝita Katolika Junularo de Aŭstrio" fondis la „Karl Vogelsangbund".

Estas certe, ke sin oponos multe da kontraŭuloj, eĉ inter la Katolikoj, precipe la politikanoj; sed ili ne timigos nin. Ni jam estas kutimaj batali kontraŭ ĉiuj kontraŭuloj. Fine la venko certe estos al ni. El la artefare disŝirita Aŭstrio-Hungario devas ekstari nova Grand-Aŭstrio, en kiu ĉiu naciulo estas kontenta, en kiu regas libereco kaj justeco. Oni devas liberigi la popolon de el la materialismo, ĝi devas retrovi la vojon al la Kristanismo. Aŭstrio estas katolika ŝtato kaj devas resti katolika ŝtato. Por ke Aŭstrio denove estu pozitive Katolika, por ke ĉiu nacio ricevu liberecon, por ke regu sociala justeco, kiu nur povas ekzisti sur la kristana fundamento, pro tio estis fon-

dita la *Karl Vogelsangbund*, kies liggazeto estas *Die Volksbewegung* (la popolmovado), aperanta ĉiun 1-an kaj 3-an vendredon en monato (abono kostas Kr. 3.50 = Sm. 1.45; eldonejo Wien IX/4 Pulverturmgasse 15).

En la sekvantaj numeroj de E. K. ni priskribos kaj tradukos la programon kaj la principojn de la Katolika Junularmovado kaj de la Karl Vogelsangbund.

Karlo WESELY.

# Oficialaj Sciigoj.

I.

**Mia eksiĝo.**

Pli ol plenjara oficumo konvikigis min, ke elektante min kiel sekretarion ĝeneralan de I. K. U. E. la komitato por internaciaj aferoj ne ĝuste lokis min.

Ne nur privatajn leterojn, kiujn mi dissendis, petante helpon por la ordiga organizo de I. K. U. E., la adresitaj ne atentis, almenaŭ ne respondis; sed eĉ *oficialajn* petojn, kiujn mi *oficiale* publikigis en nia *oficiala* organo, kaj kiuj celadis la saman ordigon, ĝis nun neniu, kiun ili rilatas, honorigis per silaba respondo.

Mi do komprenas, ke anstataŭ „*viro ĝuste lokita*" mi eble estas „*signo de kontraŭdiro*" kaj tia fakto nur povas malhelpi nian aferon katolik-esperantistan.

Ne volante malprofitigi nian sanktan movadon, mi do decidis eksiĝi kiel sekretario ĝenerala de I. K. U. E., kaj metis je dispono de tiuj, kiuj ĝin rajtas, la protokolaron tian, kian mi eblis arĥivi ĝin, esperante ke baldaŭ oni estos trovinta pli kompetentan funkciulon, kiu eblos revivigi la sindonemon de la I. K. U. E. anoj, kiun mi ne sukcesis fervorigi. [1])

---

[1]) Mi petas la Prezidanton de I. K. U. E., P-ron RICHARDSON, tuj rajtigi S-ron KNAAPEN, ke li deponu provizore la protokolaron ĉe la redakcio de E. K., por ke ĝi povu kiel eble plej baldaŭ publikigi la tekston de la diversaj kongresaj paroladoj.

(Noto de D-ro SMULDERS).

Kore dankante la komitatanojn, kiuj sendube bonintence, kvankam, je mia granda bedaŭro, sensukcese lokigis min je la honoriga seĝo, kiun mi post senmerita oficumo forlasas, kaj afable petante pardonon pro mia nesukceso kontraŭvola, mi adiaŭas ĉiujn al kiuj ofico, amikeco aŭ amo devigas min eldiri adiaŭajn salutojn.

Plensukcesu mia posteulo! Kaj ĉiam kresku, daŭre floradu nia karega I. K. U. E.!

La eksiĝinta sekr. ĝen. de I. K. U. E.

Tilburg, Marto 1913. FRANS KNAAPEN.

II.

**Respondo al petintaj informojn pri Roma Kongreso.**

Diversflanke oni demandas min pri la estonta Roma Kongreso.

Bedaŭrinde mi scias nenion pri tiu afero nek post „Nia Tria" aŭdis silabon pri ĝi krom la sciigon, kiun mi trovas presita en la Februara numero de E. K., ke sin ekzistigis komitato prepara.

Kelkaj samideanoj miregis pri la fakto, ke la sekretario ĝenerala de I. K. U. E. ne eblas informi pri afero tiel grava! Sed tiu mirego ne aliigas la fakton!

Cetere, ĉar mi decidis eksiĝi kiel sekretario ĝenerala de I. K. U. E. mi afable petas ke la scivolemaj samideanoj bonvolu alien direkti siajn demandojn kaj akcepti la estimplenajn salutojn de

la eks-sekretario ĝenerala de I. K. U. E.

FRANS KNAAPEN.

Tilburg, la 6-an de Marto 1913.

# INTERNACIA PILGRIMO KATOLIKA kaj kvara internacia Kongreso de la Katolikoj Esperantistaj EN ROMO (4-10 de Septembro 1913).

**Letero-Cirkulero de Sinjoro Cl. Colas,** [1])
Sekretario de niaj kongresoj,
al ĉiuj Katolikoj Esperantistaj, saluton en Kristo!

Mi ĵus revenis de Romo, kien, laŭ mia promeso, mi iris, delegite de la Preparanta Komitato, por studi la organizadon de nia okazonta Pilgrimo-kongreso.

Antaŭ ĉio, mia devo estis klarigi precize al la plej altaj aŭtoritatoj en la Eterna Urbo la celon de nia katolika Esperantista movado kaj de la projektita pilgrimo.

Mi havis la honoron esti afable akceptita de Iliaj Eminentaj Moŝtoj la Kardinaloj VAN ROSSUM kaj VIVÈS Y TUTO, kiuj tre simpatie akceptis miajn klarigojn, kaj faris diversajn demandojn rilate al nia movado.

Dank' al la helpado de L. E. Kardinalo VAN ROSSUM mi havis la grandegan honoron obteni *privatan* aŭdiencon de Nia Sankta Patro PIO X. Tiu aŭdienco, konsentita al mi *kiel delegito*, kaj riprezentanto de nia *Katolika Esperantista Unuiĝo* estis fiksita por la sabato 8-a de Oktobro, je la horo 10.30. La malsaniĝo de Lia Papa Moŝto, kiu komencis tiun saman tagon, malebligis, ho ve! ke ĝi okazu, kaj mi devis, kun dolora bedaŭro, forlasi la Sanktan Urbon, ne prezentinte al nia komuna Patro la esprimon de fidela submetiĝo de la Katolikoj Esperantistaj.

Krom la nomitaj Kardinaloj, mi vizitis ankoraŭ multajn superulojn de Religiaj Ordenoj, influemajn pastrojn kaj Monsinjorojn (inter kiuj nian karan kaj ĉiam fidelan samideanon Mons. GIAMBENE), katolikajn ĵurnalistojn, k. t. p. Ĉiuj, sen escepto kun granda simpatio aŭdis pri nia movado.

---

[1]) Ni ricevis tiun ĉi leteron-cirkuleron tre malfrue; pro insisto de nia amiko COLAS, ni tamen presigis ĝin ankoraŭ en tiu ĉi numero, kiu tial aperas kelkajn tagojn pli malfrue ol ordinare.

LA REDAKCIO.

Mi zorgis pri la materiala aranĝo de nia pilgrimo, kaj, atendante la aperon de la cirkulero, kiu tre detale konigas tion, mi jam povas liveri kiel certaj la jenajn punktojn, aprobitajn de nia kara Prezidanto.

1-e. La *pilgrimo proprenomita* komencos en Romo *la 4 an de Septembro kaj daŭros ĝis la 10-a*, do **ses tagojn** en Romo, laŭ la kutimo de ĉiuj pilgrimoj. (Oni rimarku ke estos 3 tagoj inter la fino de la ĝenerala kongreso en Bern kaj la komenco de la nia).

2-e. La aŭdienco de la Sankta Patro okazos verŝajne ĉu la Mardon, ĉu la Vendredon.

3-e. Ĉiuj kongresanoj *loĝos kaj manĝos kune,* kaj kune vizitos la urbon sub konduko de gvidistoj.

4-e. La vizito de Romo okazos grandparte *veturile*, laŭ la kutimo de la pilgrimoj.

5-e. La prezo de la tuta ĉeestado en Romo (ses tagoj) kun dormado, manĝado, vizitado, veturiloj, eniroj en muzeojn, gvidistoj, trinkmono, k.t.p. estos **28 Sm.** (70 frankojn) por la komuna klaso, kaj 31 Sm. por unua klaso.

6-e. Rabato da $50^0/_0$ sur italaj fervojoj estos konsentita. (La franca kompanio P. L. M. konsentas $40^0/_0$).

Mi povas nepre certigi, ke tiu *grava paŝo* estos plena kaj bela sukceso.

Aliĝu do ĉiuj niaj samideanoj. Romo! Kiu nomo povus pli forte batigi niajn korojn, altiri niajn animojn de katolikoj? La spaco uzebla en ĉi-tiu numero ne permesas, ke mi parolu pri la internaj ĝojoj, kiujn mi ĝuis dum la benitaj tagoj de mia trapaso en Romo, kaj la neforgeseblaj impresoj, kiujn mi alportis de la Eterna Urbo. Mi alifoje tion priparolos; sed kredu min niaj samreligianoj: La partopreno en nia pilgrimo alportos al ili centfoje pli da feliĉo, ol la plej sukcesplena ordinara Esperantista kongreso.

Oni *de nun* (por la klopodoj farotaj rapideco estas absolute necesa), sendu la aliĝojn al F-ino LARROCHE, ~~11~~ 55 rue de Vaugirard, Paris.

Kun tutkora samideana saluto

Cl. COLAS.

# Kroniko de I. K. U. E.

## Antaŭ-Kongreso en Milano.

S-ro COTTORINI DE MILANO esprimas sian personan deziron, ke la 2-an—3-an de Septembro okazu en Milano nacia katolika kongreso por pretigi la nord-Italojn partopreni grandare al Kongreso de Romo.

Tiaokaze mi esperas varbi aprobon de la Episkoparo kaj havi kiel honora prezidanto la Kardinalon mem.

Oni ne devas forgesi, ke Milano estas la ĉefurbo de Italujo kaj la morala nia *Kapitalo* (ĉefurbo); kio okazos en Milano okazos poste nepre en la tuta Italujo; kaj varbi Milanon al Esperanto egalvaloras varbi tutan Italujon.

Sekve mi intencas dissendi baldaŭ cirkuleron al ĉiuj italaj pastroj, invitante ilin eklerni Esperanton kaj partopreni al kongreso de Romo, kaj se eble en Milano.

Oni ne devas ankaŭ forgesi, ke Milano estas ĝuste nur la duonvojo de Brussel al Romo, kaj ke nia Milana kongreso povus gastigi plej bone ĉiujn Romajn kongresanojn, kiuj intencas ĉu iri Romon, ĉu viziti Italujon.

Mi petas vin pripensi la aferon, ĉar Milano estas la vizitata urbo kaj la viziton ni kunigos kun kongreseto des pli bone.

Kun koregaj salutoj kaj bondeziroj por la paskaj festoj,

Via,

BIANCHINI.

**Respondo.** Nia plej estimata kunlaboranto kaj al ĉiuj plej simpatia kaj unu el la plej praktike agemaj samideanoj, P-ro BIANCHINI, faras al mi la honoron peti mian opinion pri la propono de S-ro COTTORINI. Ankaŭ S-ro COTTORINI mem .skribis al mi pri antaŭkongreso en Milano. Li skribis i. a., ke li estas certa akiri la aliĝon de multaj Episkopoj de Norda Italujo, krom certe de tri Kardinaloj, kaj li kredas, ke ĉio tio bone influos sendube la

sukceson en Romo. Tamen antaŭ ol preni definitivan decidon, li deziras koni mian opinion pri tio; kaj se mi aprobos tutkore lian proponon, li tuj komencos la gravegan laboron.

Mi ne respondis letere al S-ro COTTORINI, mi preferas diri publike en E. K. mian opinion. Kompreneble tia antaŭkongreso en Milano, kiel kunven- kaj forirpunkto por la vojaĝo al Romo, treege estos grava por la bona ordo kaj preparado de tia internacia pilgrimo. S-ro COTTORINI do nepre povas esti certa, ke mi, kiel redaktoro de E. K., tutkore aprobas lian bonegan proponon. Mi eĉ ne povas trovi motivon kontraŭ tiu propono, tial mi supozas, ke la Prepara Komitato de la Pilgrimado same aprobos. El la malmultaj sciigoj pri Nia Tria en Budapest, kiuj atingis E. K., ni sciiĝis pri la komisio de Nia Kvara al P-ro BIANCHINI, prepari la Pilgrimadon al Romo en Romo. (Vidu E. K. No. 90 Nov. 1912 p. 336.) Mi ne bone komprenas, pro kio P-ro BIANCHINI, tiel praktika kaj fervora, ne estas ano de la Prepara Komitato. Sed ĉar P-ro BIANCHINI de Nia Tria havas komision, eble *la tri* nunaj Preparkomitatanoj aprobos, ke de nun P-ro BIANCHINI estu *la kvara*, kaj — se estas atendebla sukceso kaj profito el Milana kongreso por nia Pilgrimo — ili komisios al li, *la Italiano*, la interesojn kàj de la antaŭkongreso kàj de la pilgrimoj katolikaj, okazontaj *en Italujo*.

D-ro SMULDERS.

## ITALUJO.

*Nia afero progresas.*

*Milano* — La *dekan* de marto P-ro BIANCHINI, invitita de S-ro COTTORINI, faris paroladon en salono de la ĉefepiskopejo; ĉeestis Lia Kardinala Moŝto mem, kiu tiel simpatias kun Esperanto kaj kun la propagandisto, kaj kiu invitis lin al sia vespermanĝo kaj donis al nia amiko tre gravan aŭtografon de aprobo al Esperanto kiel helpilon de l' katolikismo.

La *dekunuan* de marto, matene P-ro BIANCHINI paroladis en la Seminario de la *Esteraj Misiistoj* antaŭ seminarianoj,

kiuj tiel entuziasmiĝis por Esperanto, ke ili tuj deziris komenci la lernadon, kaj ilia Respektinda Direktoro, Episkopa Moŝto P. Viganò disdonis al ĉiuj lernantoj gramatikojn de nia lingvo.

*Pavia.* La Universitata Rondo S. Severino Boezio de tiu urbo invitis P. Bianchini fari paroladon. P-ro Bianchini aliris kaj parolis antaŭ granda kaj klera aŭdantaro. Ĉeestis Lia Episkopa Moŝto mem, kiu ankaŭ tiel simpatiis kun nia afero, ke li donis al P-ro Bianchini gravan aŭtografon de aprobo al Esperanto.

*Venezia.* — Dum reveno P-ro Bianchini haltis en tiu ĉi belega urbo kaj vizitis lian patriarĥan Kardinalan Moŝton, al kiu li rakontis pri Esperanto. La Patriarĥo interesiĝis pri nia afero kaj promesis inviti, post Pasko, P-ron Bianchini por paroladi pri Esperanto antaŭ sia pastraro kaj katolikaro.

*S. Vito el Tagliamento.* — La duonmonata okpaĝa ĵurnalo l' *Esperanto* daŭrigos la semadon tra tutan Italujon kaj ĉiam pli interesigos la publikon pri nia afero.

---

## PROGRAMO de la IV-a oficiala Jarkunveno de „Nederlanda Katoliko" en 's-Hertogenbosch, la 20-an de Aprilo 1913.

10 h. Sankta Meso en la kapelo de „Mariënburg" (apud la stacidomo). Oferonto Pastro D-ro Titus BRANDSMA el Oss. Pastro L. MOONEN el Uden predikos Esperante.

11 h. Komuna Lunĉo en Hotelo „Central", Groote Markt.

12 h. Vizito al la katedralo kaj al la mirakla bildo de Sankta Maria.
Klarigo de S-ro L. P. M. VAN VALKENBURG, ĉefinspektoro de la renovigo de la Katedralo.
La konata artisto P. KALLENBACH ludos la famegan orgenon.

1 h. Vizito al la „Chicago Bioskopo".
Esperantaj lumbildoj kaj filmo.

2 h. Jarkunveno en „CASINO", Papenhulst.

4.15 h. Vizito al la kunsidejo de la Provinca Konsilantaro, en la Gubernestra palaco, Waterstraat.

4.45 h. Vizito al la Urbdomo.
Klarigo de la famaj murpentraĵoj de DER KINDEREN, en la vestiblo, de la konata artisto Dorus HERMSEN.
Ĉambregoj de la Urba Konsilantaro, la Urbestro kaj Adjunktoj, Muzeo, „Schutterij"-kolekto, kaj la subtera ĉambro kun la turmentegiloj.
Klarigo de S-ro Vincent CLEERDIN, literara kunlaboranto de la „Maasbode".

5.30 h. Komuna tagmanĝo en Hotelo „Noord-Brabant", Groote Markt.
Muziko kaj kantoj.

8 h. Koncerto de la urba Orkestro, sur la Groote Markt.

---

## DANKESPRIMO DE LA REDAKCIO.

### Diversaj Sciigoj.

Estas simpla devo, kore danki — ankaŭ je nomo de la E. K.-abonantoj — S-ron Frans SLEIJFFERS, la direktoro-administranto de la Akcia Societo „Espero Katolika", por liaj amika helpo kaj granda laboro dum la lastaj monatoj en kiuj mi estis malhelpita, pro mia translokiĝo de Schijndel al Udenhout, plenumi miajn redaktorajn laborojn. S-ro SLEIJFFERS prizorgis la korektadon kaj presigon de la lastaj numeroj kun grandegaj sindonemeco kaj oferemeco. Sen lia nelaciĝebla fervoro, E. K. ne estus povinta aperi regule. Publikan dankon ni ŝuldas do al li kaj ni aldonu deziron kaj preĝon, ke li baldaŭ tute resaniĝu, ĉar li malsanetiĝis. Mi petas insiste S-ron SLEIJFFERS ne malhelpi

la presigon de tiu-ĉi laŭdo kaj danko al li; estas ja nur elpago de ŝuldo kaj elplenumo de devo.

---

La unua numero de **nia kara Revuo E. K.** aperis en Oktobro 1903. — Do en Oktobro 1913 nia Revuo **ekzistas 10 jarojn!** — Mi demandis al mi, ĉu mi ne devas fari ion pro tiu fakto. Mi nun proponas jenon.

Se oni bonvolos kunlabori al tio, mi intencas eldoni en Oktobro 1913 festlibron, en kiu troviĝos artikoloj pri religio, arto, scienco, literaturo, k.t.p., k.t.p., verkitaj de niaj plej eminentaj katolikaj aŭtoroj. Ankaŭ gravajn aŭ interesajn artikoletojn de kiu ajn mi volonte presigos. La libro estos eldonata sen aŭ kun la helpo de la Internacia Eldona Societo „Espero Katolika"; tiu lasta dependas de la aprobo de la komisaroj kaj direktoroj de tiu akcia societo. Tamen por scii, ĉu la eldono estos ebla, t. e. ĉu ankaŭ niaj pioniraj kaj eminentaj verkistoj katolikaj bonvolos kunlabori — mi petas alsendon de sciigo pri intencita kunlaboro **antaŭ la unua de Majo 1913.** Oni aldonu, se eble, la titolon aŭ rubrikon, de la artikolo verkota, kaj promesu ĝin alsendi **antaŭ la unua de Aŭgusto 1913.** La kunlaborantoj ricevos tri ekzemplerojn senpage. En la Maja numero de E. K. ni sciigos ĉu la kunlaboro estas sufiĉa kaj ĉu la plano estos efektivigebla.

---

Ni kun granda ĝojo anoncas **la reaperon** de la tre interesa gazeto **„l'Espérantiste Catholique",** kiu je bedaŭro de ĉiuj, tiel longe silentis. S-ro COLAS, kiu vivigas tiun belan gazeton, kaj kiu de nun estas helpata de nia konata kunlaboranto Max ROUB, ricevu niajn gratulojn kaj bondezirojn. Jara abono 3 frankojn; duonjara provabono 1.50 frankojn. Adreso de la Redakcio kaj Administracio: Office Espérantiste centrale catholique, 7 Rue des Marronniers, Montagny (près Paris), France.

# Averto de la Redakcio.

La alsendinto de la Poemo „La Ludiloj", aperinta en la Marto-numero, petas nin publikigi, ke ĝi estas tradukita el la angla originalo de COVENTRY PATMORE, fama katolika angla poeto.